Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

24/06/2012 Kvindekkvina Eldono 2012 24/06/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.
Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj, en Esperanto mi petas.

La nomoj de ĉiuj ricevantoj de la Novaĵletero estas listigitaj en la dekaj eldonoj. Adresdetaloj neniam estas montrataj. Se vi deziras kontakti iujn sur la listo, sendu mesaĝon al AE kaj ni plusendos vian mesaĝon.

Se vi deziras, ke via nomo ne estu en tiu listo, malabonu mi petas.
Se vi ŝangas vian retadreson, mi petas vin sendi la novan retadreson al mi.

Roger Springer rspring@tpg.com.au

## GRAVAJ DATOJ

(se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012, ? **(Ne estas fine *decidite*)**

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.? **(Ne estas fine *decidite*)**

**Esperanto** havos 125 jarojn la 26an de julio, 2012

## La Venonta Poŝta Voĉdonado de AEA..

Reklamu viajn proponojn, intencojn, planojn en "Aŭstraliaj Esperantistoj"

Estontaj direktoroj, bonvolu doni viajn pensojn pri la sekvantaj punktoj:
**Malfermiteco, Kondiĉoj de aliĝo, Somerkursaroj, Libroservo, Mondeto, Retpaĝaro, Projektoj, Aliĝkosto, Aliaj?**

Membroj bezonas informojn por scii por kiu voĉdoni.

## La nuna Estraro de AEA (sep direktoroj)

**Dianne Lukes** | Prezidanto
**Kam Lee** | Administra Direktoro vidu AE50
**Suzanne Corry** | Financa Direktoro
**Jennifer Bishop** | Dir de Edukado
**Yaw Ampomah Badu**| Dir de Utiligado
**Richard Delamore**| Dir de Informado letero AE52
**Crystal Hill** | Dir de Membraj Servoj letero AE53 ne estas kandidato

## Kandidatoj por la nova estraro 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | vidu AE50 | |
| Gordon Coleman | vidu AE50 | letero AE51 |
| Indrani Beharry-Lall | vidu AE50 | |
| Kam Lee | vidu AE50 | |

Kaj kompreneble tiuj de la nuna estraro kiuj deziras esti reelektitaj kaj aliaj pri kiuj ni ankoraŭ ne scias. Bonvolu sciigi nin, se vi deziras resti en la estraro aŭ kandidatiĝi.

## Komentoj pri voĉdonado de ne-kandidatoj

Matt Maguire letero AE52
Svetislav Kanaĉki leteroj AE51, AE54

Ĉu vi deziras esti direktoro ĉe la nova AEA?
Ni bezonas almenaŭ sep direktorojn.
Aliĝu al AEA kaj voĉdonu je tiu grava okazo
(Se AEA ne akceptas vin kiel voĉdonanton, skribu al Aŭstraliaj Esperantistoj)

Aŭstraliaj Esperantistoj invitas ĉiujn estrarkandidatojn skribi al ni

Se vi ne estas ano de AEA, **aliĝu rapide,** se vi volas voĉdoni AEA membreco

**Mi petas la AEA membrojn, permesi retmesaĝe ke La Aŭstraliaj Esperantistoj metu vian nomon (sen adreso) en liston de fieraj AEA Membroj- publikotan en la novaĵletero.** rspring@tpg.com.au

## PRI LA VOĈDONADO Nomumado okazos en julio

# Estraro ne tute elektita de la membraro?

(xxiii)10. The Board has the power to appoint any full member of the Association to the Board to fill a casual vacancy. Any member so appointed to the Board will hold office until the next election.

Karaj Amikoj en Esperantujo,
Mi faris demandojn al la Estraro kaj ricevis diversajn reagojn de diversaj homoj. Tio, kion mi deziras nun diri estas, ke mi tre kredas, ke tre gravas por niaj okazontaj balotadoj por nova Estraro la sekvantaj punktoj: ke la Estraro estu tute elektita de la membraro de la AEA kaj eĉ ne unu estu elektita de la estraro.
Kiel la plejmulto el vi scias mi venis el Tottenham kaj estas fiera Tottenham-knabo kaj ankaŭ fiera anglo. Mi estas ankaŭ Masonisto kaj daŭre praktikanta Mormono kaj eks-vivgardisto. Mi mencias ĉi tiujn faktojn pro tio, kion mi nun diros.
Mi neniam permesis mian membrecon de iu ajn el ĉi tiuj organizoj influi mian juĝon kiam mi devas voĉdoni por persono aŭ afero. Nuntempe en Usono estas Mormono kiu sin prezentas kiel prezidonton. Kiel Mormono kelkaj homoj eble atendus ke mi voĉdonus por li: sed tion mi neniam pretus fari. Mi ne voĉdonus por persono simple pro ties membreco de unu el la organizoj de kiuj mi estas membro aŭ al kiu mi ŝuldas ian apartenon.
En la alproksimiĝantaj balotadoj estas gravege ke la membroj zorge pripensu la rezulton de siaj decidoj.

- Malfermiteco.
- Respondecoj.
- Intencoj pri la financaj aspektoj de AEA por ke ties kapitalo restu bone prizorgata por venontaj generacioj de esperantistoj.
- Re-allogigo de la multegaj seniluziiĝintaj eksmembroj
- Re-okazigado de ĉiujaraj Somerkursaro kaj Kongreso antaŭe anoncataj kaj bonege organizataj dum la jaro antaŭ la evento mem por allogi proksimume cent partoprenantojn por ke refoje membroj bone konu unu la aliajn kaj la Asocio fariĝu denove aktiva kreskanta landa komunumo kun forta sento de identeco.
- Entuta revizio de la uzo de AEA- financoj por financi privatan firmaon.

Ĉiuj el ĉi-tiuj aferoj devus esti traktataj kiel gravegaj kaj ne privoĉdonitaj simple ĉar kandidato estas membro de la sama organizo kiel elektanto.
La okazonta balotado povus esti la vojkruciĝo kiu sukcesigos aŭ rompos AEA kiel la voĉon de la aŭstralia Esperanta-movado, kaj mi petas al la membraro kiu legis tion-ĉi ke ili flanken-metu siajn individuajn apartenojn al tiu aŭ tiu-ĉi grupo kaj voĉdonu por la estonteco de AEA.

Gordon Coleman, Adelaide. Tottenham Boy in Exile <coleman839@gmail.com>

# Lingibli ? 21 lingvoj nun haveblas inkluzive de Esperanto

Nun vi povas lerni ankaŭ Esperanton per lingibli.

Jen la Esperanto-paĝo: http://eo.lingibli.com/

Jen filmeto kiu klarigas pri lingibli http://www.youtube.com/watch?v=zEHOfMBDH9I

Amike, Nicole <nicole@cryogenic.net>

# Kiuj estas la honoraj dumvivaj membroj de AEA?

La prezidanto de AEA ne scias, do eble ankaŭ iuj AEA membroj ne scias, kvankam en la adresaro de 2003 ja estas listo. Unu el tiuj honoraj dumvivaj membroj estas Margaret Chaldecott kiu dediĉas horojn kaj horojn al Esperanto.




## Margaret Chaldecott kun la urbestro de Willoughby en 2008.

Hodiaŭ, 23 Junio, estas la naskiĝtago de Margaret

Ŝi eklernis Esperanton en 1962. En 1970 ŝi fariĝis sekretariino de la Sidneja Esperanto Societo. De 1981 ĝis 1984 ŝi estis prezidanto de la Sidneja Esperanto Societo. Poste ŝi estis sekretario de la Novsudkimruja Esperanto Federacio kaj havis diversajn postenojn ene de la Federacio. Ankoraŭ nun, pli ol 80 jara, ŝi deĵoras en Esperanto domo ĉiun merkredon kaj redaktas la novaĵleteron de la federacio nomitan Telopeo. Unu el ŝiaj ŝatokupoj estas trikado. Ŝi instruis Esperanton kaj partoprenis en pluraj Universalaj kongresoj en Kubo, Islando, ktp. Ŝi estas membro de UEA de pli ol 40 jaroj.

**Aliaj honoraj membroj** de tiuj kiuj ankoraŭ vivis en 2003 estas Kep Enderby, Donald Broadribb, Svetislav Kanaĉki, Owen Loneragan, Arthur Oliver, Eileen Oliver, Mavis Elliott, Josimi Umeda, Jack Fallu, Joyce Torr.
Mi ne persone konas ĉiujn kaj ne certas ĉu ĉiuj ankoraŭ vivas.

Amike, Nicole <nicole@cryogenic.net>

Kelkaj de la Honoraj Membroj ne ?? estas sur la listo de AEA membroj. Ĉu mortintaj, aŭ ĉu forgesitaj? Informu nin! Informu AEA!

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.

Saluton,
bonvolu trovi sube mian reagon al la diskutoj de la novaĵletero.
sincerajn salutojn, Franciska

Ne nur la tero rondiras kaj evoluas.

Post ses jaroj mi ne atendis legi de tiam novbakita esperantisto, kiu tuj metis sin je la flanko de la tiama prezidanto de AEA kaj aparte insultis min pro mia deveno, kvankam ni neniam renkontiĝis, ke li nun postulas la samon, pro kio mi kaj la aliaj malmembrigitaj membroj (mi supozas ĉar ni neniam ricevis klarigojn pri la afero) estis konsiderataj kiel danĝeraj kaj nocaj por la Aŭstralia Esperanto-Asocio.

Tiu problemo de la adresaro estas grava. Subite en 2006/2007 aperis tiu nocio de privateco por malhelpi ke la membroj sciu kiom da membroj estas entute en la asocio kaj kiuj ili estas. Nun la «regulo »estas iom mildigita. Tamen dank'al tio kaj enkonduko de poŝta voĉdonado, Igor Couto kaj liaj subtenantoj akiris multe da favoraj voĉoj kaj estis elektitaj kiel komitatanoj, kiuj poste fariĝis direktoroj. Neniu rajtis kompari la liston de membroj kun la listo de voĉdonintoj. Ĝis nun ne eblas scii kiuj estis tiuj voĉdonintoj, ĉu vere membroj ?

Al tiuj, kiuj ne plu toleras la sekretemon, la nekompentecon, la malŝparon de la mono de AEA sen diskutoj pri la elspezoj, la diktatorecon, bonvolu esti firmaj. Vi havas nun la avantaĝon ke vi ne plu estas konsiderataj kiel malamikoj pro via postulo ke honesteco kaj dialogo regu en AEA.

Mi aldonas ke mi regule uzas la tre utilan adresaron de 2003. Ĉu iu suferis pro tio ? Bonvolu informi min.

Franciska Toubale <fran14@bigpond.net.au>

---

AEA prizorgas la monon hereditan de bonaj Esperantistoj.
Kial la Esperantistaro ne scias kiel ĝi estis uzita?
Zorge uzu vian voĉdonon.
Saĝe voĉdonu, ni petas.
La estonto estos laŭ via decido'

---

La novaĵletero ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofendaj aŭ tro malrespektaj. Ni nun provlegas ankaŭ la leterojn kaj korektas la mistajpojn kaj gramatikajn erarojn.